# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **14/09/2013 Cent trideka Eldono 14/09/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer** rspring@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed »



### Ne Ĉiu Mensogo Estas Kulpo

Parolas Paŭlo S. Viana el Brazilo Elsendo de la 5a Septembro 2013

La plej profunde memorata rakonto por mi estas pri ŝia avo. Pasis 30 jaroj, sed mi ankoraŭ bone memoras ĉiun vorton de tiu rakonto kaj eĉ la mienon de la patrino dum la rakontado. "Mia avo foje faris ŝtelon," diris la patrino. "Iun tagon li ŝtele eniris en la legomĝardenon de la najbaro, sed oni rimarkis lin. Kiu vidis lin? La mastro de la ĝardeno. Sed la mastro, vidinte la ŝtelon, sin turnis returne."

Kio? Li turnis sin returne, vidinte, ke oni ŝtelas liajn legomojn? Tiam mi neniel povis kompreni tion. Poste, kiam mi plenkreskis kaj multon spertis en la socio, mi komprenis, ke ĝuste la bonkora mensogo de la mastro savis la deflankiĝontan animon. Bonkore trakti aliajn fariĝis maksimo por mia vivo.

**(Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

# Pri ŝanĝoj kiu okazis en la novaĵleteroj

Kara Roger,

Mi kun scivolemo atendadas la aperon de la freŝa Novaĵbulteno, sed same mi ŝatas vidi-legi nian ESK-n. Miaopinie en la bulteno aperu mallongaj informoj, aktualaĵoj, alvokoj, organizaj taskoj ks., kiuj bezonas esti distrumpetitaj rapide aŭ temas pri la "ĉiutagaĵoj" de la movado. Se la malgranda membraro de AEA ne produktas sufiĉe da menciindaj agoj ĉiusemajne, tiam la bulteno povas aperi post pli da tagoj. La celo estas ne la apero de la bulteno, sed la apero de la informoj.



Mi skribas tion, ĉar mi preferus vidi la historion de "3ZZZ" en ESK kaj ĉar mi pensas pri la redaktantoj de nia revuo serĉantaj taŭgajn materialojn por aperigo. Mi sincere aprezas kaj vian kaj ilian laboron kaj deziras al niaj ambaŭ eldonaĵoj multajn interesajn artikolojn kaj multajn legantojn.

Amike, Katja Steele

## Respondoj

Kara Katja,

Mi konsentas pri la historio de 3ZZZ. Kiam Svetislav unue skribis, mi ne antaŭsciis la grandecon de la afero. Mi informos Svetislav ke ESK daŭrigos lian historion.

Jes la AE estas por ĉiutagaĵoj sed se oni ne sendas informon,mi devas serĉi aliajn informojn.



Malsukcesis mia provo havi klubnovaĵojn kaj malrapide AE ŝanĝiĝis for de miaj originalaj esperoj.

Mi kredegas, ke la ĉiusemajnaj sendoj devas daŭri aŭ ĝi mortus.

Dankon Roger

Kara Roĝer:



Koncerne AEA, mi havas nenion kontraŭ eldonaĵoj de ĝi, sed mi dirus ke ĝi estas aspekte troigita kaj malbona pro la koloraj paĝoj sur kiuj la artikoloj estas malklare videblaj. Unue vi devas memori ke Esperanto aŭ Esperantistoj aĝiĝadas kaj ke vidpovo malboniĝadas. La alia rimarko laŭ mia opinio estas tro luksa papero kaj tro multekosta por la artikoloj en ĝi.

Kaj ankoraŭ alia rimarko: Vi dissendadas la novaĵleteron “Aŭstraliaj

Esperantistoj" al ĉiuj Esperantistoj kies adreson vi havas. Kontraŭe la AEA revuo estas nur por membroj. Do ĝi ne atingos la Esperantistaron, nur la membrojn. Tio estas granda diferenco. Svetislav Kanaĉki



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Sabaton la 7an de Septembro venis Roger, Mei, Chris, Eŭnice, John, Ian.
Oni instruis al John kaj korektis lian lecionon kaj ni aŭskultis lian legadon el nekonata teksto.



## Esperanto-Domo Sidnejo

**22an de Septembro 2013** okazos la **Jarkunveno** je 11atm.
Poste amuzkunveno kun manĝetoj.
EFNSK kunvenos la **22**an Sept, la **27**an Okt, kaj **1an** Dec 2013.
Zamenhofa Festivalo **15**an de Decembro. Ĉiuj estos bonvenaj
Notu, la datoj ŝanĝiĝis (ĉar Roger Springer ferios en Ĉinio)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.

## Ĉu ni konvenos en Orienta Timoro por nia kongreso en 2015?

Dum la UK en Rejkjaviko Indrani kaj mi renkontis Heidi Goes kiu antaŭnelonge ekstarigis la Esperanto-movadon en Indonezio kun granda sukceso. Ŝi nun instruas grupon de 25 entuziasmaj lernantoj en Dilio, Orienta Timoro. Ni kune havis la ideon plani la 2015 AEA kongreson en Dilio por subteni la lokajn Esperantistojn kaj doni al ili la sperton renkontiĝi kun alilanduloj. Estas tre malriĉa lando kaj la plej multaj de la personoj ne havas la rimedon por vojaĝi eksterlanden. La flugkosto al Dilio estus pli ol internaj flugkostoj sed la loĝkosto, manĝaĵoj kaj transporto en Dilio





estas tre malaltaj.
Aŭstralianoj forte subtenis Orientan Timoron kontraŭ la Indonezia registaro kaj mi opinias ke ili daŭre bezonas helpon de pli riĉaj landoj. En la spirito de amikeco kaj internaciaj idealoj mi rekomendas ke ni daŭre esploru la ideon kaj petas komentojn pri la ideo al aliaj Esperantistoj.
Heather Heldzingen







## Propaganda sekcio

**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia Elsendo "The Feed"

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) kontaktis kelkajn Esperantistojn pri ŝia propono.



"Manly Daily" la loka taga senpaga ĵurnalo, intervjuis Christine Holliss pri ŝia vojaĝo al Rejkjaviko kaj pri la Manlia Esperanto-klubo.

Eble ili presos ĝin en venonta merkreda ĵurnalo?

## Lingvaĵo Enkonduko.



Por ĝuste paroli, kaj eĉ skribi, lingvon, oni ne bezonas scii ĝian konstruon, ĝian arĥitekturon. Tiun gramatikon oni lernas aŭtomate, kiam oni estas infano, kaj parte jam antaŭ tio. Same kiel oni ne bezonas scii, kiamaniere onia korpo digestas onian manĝaĵon. Sed se vi lernas lingvon, kiam vi ne plu estas infano, vi ne kapablas lerni ĝin ĝusta kaj perfekta, aŭ almenaŭ tre malfacile kaj temporaba se vi ne scias ĝian gramatikon. Ju pli vi konscie lernas, des pli bone vi sukcesos skribi kaj paroli la novan lingvon.

Ne ĉiu Esperantisto bezonas scii Esperanton same bone kiel ili uzas sian propran, etnan, lingvon . La celo tamen estu, paroli ĝin tiom kapable kiom

eblas, kaj kiom da tempo vi havas por lerni ĝin. Do, kvankam neperfekta parolanto povas tamen esti perfekta Esperantisto, ni daŭre penu pliboniĝi en la lingvo. Kaj kvankam mi samopinias kun Roger, kaj mi laŭdas lin proe, ke pli bonas uzi la lingvon kun eraroj ol ne uzi ĝin, mi (kaj li sendube) komprenas, ke estas necesa kaj helpema, alperfektiĝi en la lingvo. Ankaŭ por eviti miskomprenojn.

Pro tiu konsidero mi intencas verki por ĉiu numero de A.E. mallongan gramatikan klarigon por pli bone kompreni nian lingvon kaj ankaŭ por ŝati ĝian arĥitekturon. Mi numeros ilin por pli facila referenco. La samon oni povas lerni el la lernolibroj, sed helpas rigardi problemojn laŭ diversaj vidpunktoj. Krome kelkaj lernolibroj diras kelkajn erarojn, aŭ maldiras sciindaĵojn, kaj aliaj estas tro pezaj por konsulti, kiel ekz. la Plena Analiza Gramatiko.

Post aperoj, ne hezitu peti al mi pli da klarigoj. Se vi petas tion poŝte, vi pli rapide ricevas respondon ol interrete, kiun mi malofte konsultas pro tempomanko.

Kelkaj “Lingvaĵoj” jam aperis, kaj pluraj jam pretas por presati.

En Esperantujo, ĉiu kontribuas al Esperanto laŭ sia povo.

Marcel Leereveld.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Kunvenis la 12an de Septembro. AEA kunvena raporto estos ĉe sekvanta AE

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Skribu al ni !

# La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

## Se la suba kluba informo eraras, ne plendu, informu min. Roger rspring@tpg.com.au

**3ZZZ Radio Melburno** http://esperanto-radio.com/3zzzradio

**La Manlia Esperanto-Klubo**. unua kaj tria Sabato. 10atm Roger Springer 02 9976 0632

La Brisbana Esperanto-Societo Kvara Sabato 1ptm Kay Anderson 07 3372 7006

La Brisbana Esperanto-Kafoklubo Kvara Sabato 3ptm

Esperanto-Grupo de Centra Marbordo Dua Dimanĉo 2ptm

La Tasmania Esperanto- Societo Jaŭde 7ptm

La Melburna Esperanto-Klubo Lunde 6.30ptm

Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero Vendrede 5ptm

Esperanto-Domo, Sidnejo Lasta Dimanĉo 12tm Roger Springer 02 9976 0632

Torkio Esperanto-Kafo-Klubo, – Viktorio Unua sabato 1ptm 03 5261 2899

Esperanto en Sudaŭstralio (La Adelajda Esperanto-klubo.)

Adelajda Esperejo unua Merkredo 08 8242 1460

Esperanto League of Western Australia Inc. unua kaj tria Sabato (08) 9343 9532.

Esperanto in Australia Meetup group.

ORMARBORDA ESPERANTO-GRUPO
NOVKASTELA ESPERANTO-SOCIETO
MELBURNA ESPERANTO-KAFO-KLUBO
MELBURNA ESPERANTA RENKONTO-GRUPO
SUDORIENTA ESPERANTO-KLUBO
GRUPO DE MELBURNAJ ESPERANTO-LERNANTOJ
TOOWOOMBA ESPERANTO-SOCIETO

Individuaj ricevantoj de Esperanto-elsendaĵoj per la reto kaj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La noma listo de "Aŭstraliaj Esperantistoj" havas homojn kun konata nomo kaj retadreso.

| First name | Family Name | Dana | Diggles | Ian | McArthur | Linda | Danzer | Philip | Nichols |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Abid | Afridi | Daniel | Forrest | Ian | Green | Linda | Fields | Philip | Smart |
| Adam | Olechnowic | Daniel | Kane | Ian (Jano) | Wylles | Louise | Blyton | Rainer | Kurz |
| Adrien | FOLLIN | Danton | Black | Indrani | Beharry-Lall | Luke | Marsillo | rani | lyons |
| Alan | Bishop | David | Dalgleish | Ivan | Pivac | Marc | James | Rees | Pearse |
| Alan | Mendelawitz | David | Dewar | Jaga | Oprzedek | Marc | Schmidt | Renato | Corsetti |
| Alan | Turvey | David | Kidd | Jaiden | Golding | Marcel | Leereveld | Renjo | Oren |
| Alan | Collinson | David | Ryan | James | McElvenny | Marcus | Dohring | Richard | Delamore |
| Alan | Dean | Dennis | Murphy | Jane | Allen | Margaret | Chaldecott | Richard | Marcus |
| Alida | Leereveld | Dianne | Lukes | Jared | Martin | Margaret | Yue | Richard | Penman |
| Amy | Regal | Dianne | Mitchell | Jason | Covell | Margarita | Pavlova | Robert | Budzul |

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Andrew | Adams | Dmitri | Lushnikov | Jay | Mooney | Maria | Jojkitty | Robert | Hoogenboom |
| Andrew | Lutz | Donald | Rogers | Jennifer | Birchall | Marika | Fox | Robert | Bain |
| Andrew | Spannenberg | Doug | Eising | Jenny | Bishop | Marina | Lobanova | Roger | Hill |
| Angela | Chin | Duncan | McDonald | Jim | Radford | Marja | Niesen | Roger | Springer |
| Angela | Maag | Dzejlana | Haveric | Jo | Turvey | Marjorie | Johnson | Ronald | Gates |
| ANNA | SIECZKO | Edith | Mejia | Joffre | Bell | Mark | Pavic | Rouan | van Ryn |
| Anne | Sanders | Edna | Watson | John | Abood | Mark | Smith | Sandor | Horvath |
| Archana | Joshi | Eleanor | Perno | John | Adams | Martin | Gray | Sandor | Monostori |
| Barbra | Treharne | Elizabeth | Mortimer | John | Calder | Marumi | Smith | Sandra | Connors |
| Barrie | Cledsmith | Ellen | van der Nol | John | Casey | Mary | Mills | Shane | Leddin |
| Barry | Healy | Elrae | Adams | John | Fleming | Matthew | Maguire | Shayne | Power |
| Benjamin | Hook | Erhard | Claus | John | Forbes | Matthew | Meldrum | Shirley | Gradussov |
| Beth | Wearing | Erin | McGifford | John | Gallagher | Max | Wearing | Shresta | Kishor |
| Beth Maree | Shields | Esther | Parris | John | Lang | Michael | Waters | Sibel | Lewis |
| Bettie | Hart | Finnur | Larusson | John | Massam | Michael | Zhang | Sidney | Wolifson |
| Betty | Chatterjee | Franciska | Toubale | John | Garvey | Mick | Gallagher | Siu | Chan |
| Bill | Starke | Fujun | Xiao | Jonathan | Cooper | Mike | Taggart | Stephen | Landman |
| Birgitta | Carney | Gerry | Phelan | Jonathan | Moylan | Mikel | Rizo | Stephen | Pitney |
| Blaze | Doric | Giles | Thomson | Jorge | Gallegillos-Po | Miranda | Lutz | Svetislav | Kanachki |
| Bob | Felby | giri | Rao | Kam | Lee | Morgan | Day | Teodomiro | Clavis |
| Bradley | McDonald | Glyn | Truscott | Karin | unknown | Nancy | Roy | Terry | Manley |
| Brendan | Linnane | Gordon | Coleman | Katarina | Taggart | Nicole | Else | Thomas | O'Gliasain |
| Brian | Barker | Grace | Alvarez | Katja | Steele | Nigel | unknown | Tim | Stackpool |
| Brian | Dance | Graham | Fennell | Kay | Andersen | Owen | Loneragan | Tim | Warren |
| Brodie | May | Gregg | Libby | Kehui | Bao | Pamela | Fenton | Todd | Herbert |
| Carol | Lutz | Gus | Faith | Keith | Bowling | Patricia | Palmer | Trevor | Steele |
| Caroline | Turner | Happax | Legomenon | Ken | Rolls | Patrick | Zhang | Trish | O'Connor |
| Catherine | Chen | Harold | Sĉmitz | Kep | Enderby | Paul | Burger | Valencia | Tan |
| Chan | SY | Hazel | Green | Kerry | Robson | Paul | Desailly | valery | matushkov |
| Charles | Stevenson | Heather | Furby | kevin | kenefick | Paul | Gorny | Vera | Payne |
| Chris | Krageloh | Heather | Heldzingen | Kevin | Warburton | Paul | Green | Vicky | Crickett |
| Chris | Morrow | Helen | Webb | Kiah | Morante | Penny | Vos | Volo | Gueltling |
| Christine | Paul | Helen | Palmer | Kirsi | Rossi | Peter | Bird | Yaw | Badu |
| Christine | Holliss | Henriette | Vanechop | Lauren Vict | Smith | Peter | Burgoine | Yvan | Serve |
| Claudia | Layton??? | Henry | Broadbent | Laurie | Kirwan | Peter | Cummins | Yvan | Serve |
| Colin | Robinson | Hermann | Kroppenberg | Lenny | g-----b | Peter | Danzer | Yvonne | Harvey |
| Crystal | Hill | Herve | Diviciacos | Leonie | McGlashan | Peter | Mitchell | | |
| Dale | McManus | Howard | Gravatt | Lev | Lafayette | Peter | Weide | | |
| Dan | no name | Huigh | Malcolm | Libby | Farris | Peter | Willshire | | |

Se vi deziras ke via nomo estu sur tiu listo de ricevantoj, abonu! rspring@tpg.com.au

Se vi deziras ke via nomo ne estu sur tiu listo de ricevantoj, malabonu!

Se vi deziras ke nomo de familiano estu sur tiu listo de ricevantoj, informu min.

Mi povas krome plusendi mesaĝon al individuo kiu estas en la supra listo.

Mi ne donas adresojn al petantoj.

Viaj leteroj al AE, devas montri vian nomon kaj se vi deziras, retadreson se vi akceptas, ke ĝi estu montrata post via letero.
Mi ne aldonas iun ajn retadreson se la skribanto ne mem faras tion.

Ĉu vi ŝanĝos vian retadreson? Informu min. rspring@tpg.com.au;

La adresaro de "Aŭstraliaj Esperantistoj" estas uzata krome por sendi Tamen Plu, Telepeon, urĝajn anoncojn kaj se vi deziras, vian bonan ret-gazeton al ĉiuj homoj listigitaj en la adresaro de Aŭstraliaj Esperantistoj.

La ‚Aŭstraliaj Esperantistoj' (AE) publikigas vidpunktojn en Esperanto, sendepende ĉu vi estas membro de kluboj aŭ asocioj.
Skribu al ĉirkaŭ 260 individuaj legantoj, sed en Esperanto, mi petas.

La Novaĵletero Aŭstraliaj Esperantistoj estas elsendata almenaŭ unufoje semajne

La novaĵletero 'Aŭstraliaj Esperantistoj' subtenas liberan sinesprimon kaj honestajn kaj senkaŝajn artikolojn. Sed ni rezervas la rajton modifi aŭ forigi viajn komentojn se ni konsideras ilin esti ofendaj aŭ tro malrespektaj. Ni nun provlegas ankaŭ la leterojn kaj korektas la mistajpojn kaj gramatikajn erarojn.

Se oni prokrastas ĝis perfekto, oni faras nenion, ĉar la morto atendas vin.
Ne Ĉagreniĝu! sed Parolu!, Skribu!,

## Interesaj faktoj

Mezura sistemo havas metron logikan facilan sistemon ekde 1795.
Lingvoj havas logikan facilan Esperanton ekde 1887.

Ĉu lernanto preferus lerni la metran sistemon aŭ la britan sistemon?

Muziko havas bekflutojn (school recorders) por instigi studentojn lerni pri muziko.
Lingvoj havas Esperanton por instigi studentojn lerni pri lingvoj.

Esperanto estas la 27a lingvo en la listo de lingvoj laŭ nombro de artikoloj en Vikipedio (entute 285 lingvoj estas uzataj tie).

Senpaga Freelang vortaro estas tre uzinda kiam vi skribas, legas per komputilo
Plena Ilustrita Vortaro (PIV) estas surrete. http://vortaro.net/

**Uzu Esperantajn literojn Por vindozaj komputiloj.** Ek! aŭ Tajpi
Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ Solvoj, angle http://www.esperanto-usa.org/en/node/108

La epoŝta programo "gmail" de Google transsendas la esperantajn literojn tute bone

La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskult/legon tage.

Nun vi povas lerni ankaŭ Esperanton per **lingibli.** http://eo.lingibli.com/

Kurso de **Esperanto** - Main page http://www.kurso.com.br/index.php?en

**lernu**! - Learn **Esperanto** online. Live tutors, dictionary, books & music **lernu**.net/

Rekomendata Legado
"Mirmekobo," de Donald Broadribb www.gazetejo.org/eo/mirmekobo
"Tamen Plu" de Katarina Taggart. Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Telopeo" de EFNSK Ni sendos kopion al niaj konataj retadresoj
"Esperanto sub la Suda Kruco" AEA www.esperanto.org.au info@esperanto.org.au
Via kluba Novaĵletero? Laŭ peto, ni sendos retkopion al niaj konataj retadresoj

La ĉiutaga eldono Esperanta Retradio retpaĝo por aŭskulti kaj legi Esperanton
http://esperantareradio.blogspot.co.at/
http://ckuik.com/Esperanto Eniro je Multegaj Esperantaj videoj de Jutubo
Filmetoj de Gian Piero Savio **http://vimeo.com/album/2111699**
http://www.bookbox.com/ La rakontoj estas laŭtlegataj de diversaj personoj

**LA ESPERO** Esperanta himno Bonega por kunvenoj
Esperanta kunkanto (Karaoke) kun A-cappella Ĥoruso

La gastĉambro de EFNSK devas esti antaŭmendita per estontaj gastoj.
Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn, kiuj ne antaŭmendis.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnon antaŭe. Tio helpas nin prepari la ĝastĉambron.

Skajp-anoj, metu vian adreson ĉi tie. Skype name Mary Grace Mills (Orange NSK)

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu demisio nuligas respondecon pri informado?

## Vortoj de "Lernu"

KONFESI
1. Publike deklari, kion oni intime kredas vera:
Ĉiu homo havas rajton konfesi kian religion li volas.
La konfesantoj de unu religio estas samreligianoj.
2. Malkaŝe diri, malgraŭ la eblaj kaŭzoj de sindeteno:
Li konfesis sian amon al ŝi.
Ekaŭdinte amkonfeson ŝi perdiĝis kaj ne sciis kion respondi.
3. Spontanee deklari ion malfavoran, malprofitan por si:
Mi konfesas mian eraron.
Filo konfesis - patro forgesis.
Post konfeso venas forgeso.
La infano malkonfesis sian kulpon.
4. Religie deklari siajn pekojn, por akiri pardonon:
Ĉu vi jam konfesis viajn pekojn?
La pastro sidas en konfesejo. Li konfesprenas (aŭskultas konfesojn).